# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

**MAJO-JULIO 1940**
**XXXVI-a Jaro. N-ro 485 (5)**

**Jara abono . . Fr. sv. 10.—**
**(Kun ricevo de la Jarlibro)**
**Anonco: Korespondado du linioj . . . . . 1.—**
**Reklamo: Kolonero unu centimetra . . 1.—**

Poŝtĉeko svisa: Genève I. 2310

ENHAVO:



**Redakcio: Palais Wilson, GENEVE, Svislando**

**Fondinto: Hector Hodler, † 1920**
**Redaktoro: Hans Jakob.**

# Kaj nun?

Okazintaĵoj de neniam spertitaj amplekso kaj konsekvencoj sin sekvas kun fulmosimila rapideco. Ŝajnas ke la apokaliptaj malbonoj realiĝas. Giganta militmaŝino, kreita dum kelkaj jaroj, realigas ideojn kiuj renversas nian tutan civilizacion kaj starigos reĝimon de ekskluziva maltoleremo en Eŭropo. Agoj kiujn eĉ malsana fantazio ne kapablas imagi fariĝas ĉiutagaĵoj. La teruron de la batalkampoj akompanas la ĝemoj de homamasoj forĉasitaj de la hejmoj, persekutitaj de senkompata malamiko. Kaj post ekpreno de la civila povo en konkerita lando, komenciĝas la persekutado de l'ideaj opoziciuloj. Floras la metio de la denuncantoj!

La nervoj de la homoj estas daŭre streĉataj. Mirige estas, kiom homa volo kapablas elteni. Sed ankaŭ tiu ĉi volo renkontas limon. Kaj tiu ĉi limo kondukas al indiferenteco je ĉio, kio ne rekte rilatas al propra stato (pri «bonstato» oni ne parolu). De tiu ĉi indiferenteco estas mortige atingita la homaraj ideoj, unuvorte la homara idealismo sub siaj multaj formoj, kristaliĝintaj en movadoj ĉiaspecaj. Kaj inter ili la nia, la movado de la internacia lingvo Esperanto.

Sinsekve malaperis unu lando post alia de la scenejo. De l'Ekstrem-Oriento ĝis Atlantika Oceano, Esperanto vegetas kaŝe. Fidelaj amikoj renkontiĝas de tempo al tempo por interŝanĝi memoraĵojn de l'pasinto kaj kuraĝiĝi en esperplenaj perspektivoj de l'estonto. Kaj en la landoj, kie Esperanto trovis ankoraŭ simpation la bruo de la milito silentigis voĉon de l'paco.

La lastaj citadeloj de Esperanto en Okcidenta Eŭropo defenditaj persiste kontraŭ la tagaj surprizoj nun estas ankaŭ minacataj. Kaj leviĝas la demando, ĉu havas sencon defendi pozicion subminitan, jam malfortigitan pro malakordo inter la defendintoj. Je tio ĉi ni respondas laŭte kaj klare: **Ni devas elteni.**

Tio signifas, ke ni daŭrigu la kutiman agadon, lokan en la grupoj, landan en la societoj funkciantaj, kaj la internacian de UEA. Eĉ en landoj militantaj kaj aliaj sub fremda estrado, nur plej gravaj kaŭzoj pravigu la ĉesigon de la agado por Esperanto. Tiaj kaŭzoj nur povas esti la militaj okazantaĵoj aŭ malpermeso. Al la samideanoj en landoj nemilitantaj apartenas nun grava tasko, nome, resti en kontakto kun niaj amikoj en la militantaj landoj kaj esti ligilo amikeca.

Sur internacia kampo funkcias UEA! Spite la halto de movado aktiva en landoj invaditaj, gravaj por ni pro konataj kaŭzoj, UEA ne ĉesigas sian agadon. Tiu ĉi agado evidente limiĝas al plej elementa bezono kaj ĉefe al la helpo al viktimoj. Por ke tiu ĉi centro de agado internacia povu labori, necesas la apogo de la samideanoj en landoj nemilitantaj!

Subteni UEA signifas daŭrigon de l'Interhelpo Esperantista, de l'defendo de la homamaj ideoj de l'kreinto de Esperanto.

H. KÜRSTEINER.

# La helpo al la familio Zamenhof

## Kvina raporto: La helpo ekfunkcias.

Fine post sesmonata klopodado kaj serĉado ni ricevis propramanan informon de Fraŭlino Lidia Zamenhof el Varsovio. Tiu ĉi informo datita 20-an de Majo atingis nin la 29 an. Ĝi resume diras, ke la Familio akceptas la helpon kun kora danko.

Je tio, nia Administranto respondis kaj entreprenis diversajn klopodojn en Genève, ĉe la kompetenta instanco. La helpo nun koncentriĝas al du aferoj

1. Sendi regule nutraĵojn kaj bezonaĵojn, el Svislando kaj el aliaj landoj, najbaraj de Polujo.
2. Klopodi por ke Fraŭlino Lidia Z. povu akcepti oficon en Usono, pri kio ni pli poste informos detale.

La unua helpo funkcias. De nun foriras regule el Svislando sendaĵoj al Varsovio. Kiam ni estas tute certaj pri alveno (pri kio ni mem ne dubas) ni sendos monon.

La dua helpo estas pli komplika. Por la momento sufiĉas scii, ke Usona komitato por helpi la familion Z., kreita laŭ la iniciato de nia Komitatano Sinjoro Dubin, faris paŝojn por ricevi enirpermeson.

Pri la amplekso de tiu ĉi klopodado, oni konsciiĝu, ke necesas unue ricevi tiun ĉi permeson, afero postulanta monatojn. Tiu ĉi permeso eniri Usonon estas la baza dokumento por eliri Polujon kaj por eniri la landojn trairotajn, t. e. Svislando, Francujo Hispanujo kaj fine Portugalo.

Se ĉio funkcias normale kaj se ne venos eksterordinaraj cirkonstancoj, la intenco realiĝos ĝis printempo 1941. Neniel miru pri tiom longa tempo, sed la koncernaj instancoj de kiuj dependas la tuta afero, laboras konscie, sekve malrapide.

La pli grandan parton de tiu ĉi laboro devas plenumi la Centra Oficejo. Sen la amika kunhelpo de la Usonanoj, ĉio estus senutila. Estas tie ĉi la loko por diri kiom valora estas la penado de nia komitatano Sinjoro Dubin en Philadelphia, sen ties iniciato kaj propra ŝindono la fina celo, ne estus atingebla. Fine je la 15a de Julio alvenis el Usono (tra Portugalo) la dokumentoj kiuj necesegas por fari la unuajn paŝojn. Necesas pacienco superhoma.

Koran dankon ni esprimas tie ĉi al Sinjoro Luzo Bemaldo, nia malnova Delegito Lisbona, kiu klopodas pri la enirpermeso en sia lando, afero neniel simpla, kiam oni konsciiĝas, ke miloj kaj miloj da rifuĝintoj invadis tiun ĉi landon post la franca katastrofo.

Fine restas ankoraŭ grava problemo. Tio estas la kunlaboro de aliaj organizaĵoj. Dum Marto, nederlandaj Esperantistoj laboristaj demandis nin pri partopreno en komitato interesperantista, kiu kunigas la klopodojn de UEA, IEL, SAT kaj aliaj. Ni deklaris nin pretaj je tio. La ŝanĝita situacio ne permesis realigi tiun ĉi necesan kunigon de komuna klopodado. UEA nun staras sola kaj ĝi plenumos tion kion ĝi deklaris: Helpi.

Por kunigi samajn klopodojn, UEA proponis al IEL interkonsenton pri tiu ĉi helpo. Ni ekstrakte kunigas du leterojn pri tio.

**UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO**
**Esperantista Interhelpo**

### Letero de UEA al IEL:

Genève, la 23an de Aprilo 1940.

Tre estimataj samideanoj,

Ni nun sciiĝis pri la sorto de la Familio Z.

1. Lydia kaj Sofia loĝas ĉe parencino en Varsovio, Ogrodowa 3m14
2. Sinjorino Adam Zamenhof kun filo Ludwig loĝas en Ul Wspolna
3. Nenio estis dirita pri D-ro Adam Zamenhof.

El la aro da klopodoj por helpi al la F. Z. ni citu nur tiun pri la sendo de nutraĵoj. Tuj post ricevo de la respondo el Varsovio (Juda Komuneco, helpa sekcio Varsovia) pri la rajto ricevi kaj disdoni sendaĵojn ni faros la neceson. Kaj por esti plej certa ni faros provon el diversaj landoj apudaj. El Svislando, ni nur malfacile povas sendi nutraĵojn, sekve de la blokado, sed por tiaj specialaj kazoj, pruvitaj kiel humana faro, ni esperas ricevirajtigon pri svisaj produktaĵoj, lakto, fromaĝo, ĉokolado.

Sed nun venas la dua helpo. Kaj pro ĝi, ni nin turnas al vi. Ĉu vi povis kolekti konsiderindan sumon inter britaj samideanoj, por ke ĝi povu esti uzata en deca momento, nome, se ni klopodas por ke, se ne ĉiuj anoj de la familio, almenaŭ iuj povu eliri? Ni ne vidas ankoraŭ precize, kiel kaj kien, sed devas minimume scii, ĉu ni povu kalkuli je via kunhelpo aŭ je via zorgo, se estus eble venigi personojn al lando alianca. Pro la malcerteco de la balkanaj ŝtatoj, ni ne povas eĉ ion entrepreni tie, kaj eĉ ne estas konsilinde, pro kontraŭjuda leĝaro.

Pri promesplena penado por gastigi la familion en najbara lando ni ankoraŭ silentas, atendante respondon. Se la provo sukcesus, ni estus feliĉaj.

Volonte ni informas vin pli detale, sed tre ŝatus scii, ĉu vi estas preta kunlabori, ne atentante antagonismon ekzistantan. Kio necesas estas helpi. Kaj por ĝi ni ĉiuj devus agi, sen distingo. Atendante vian bonvolan respondon ni petas vin akcepti niajn samideanajn salutojn.

**Esperantista Interhelpo:**
Palais Wilson, **Genève.**

### Respondo de IEL al UEA:

Rickmansworth, la 7-an de Majo, 1940.

Tre estimataj samideanoj,

Antaŭ du tagoj ni bone ricevis vian leteron de la 23-a de Aprilo kaj devas sciigi al vi, ke ni jam ricevis similan informon pri la Zamenhofoj. D-ro Adam Zamenhof estas en malliberejo en Varsovio.

Ni notas vian rimarkon pri la sendo de nutraĵoj. Kiel vi scias, ni tute ne povas ion fari tiurilate.

Rilate al via demando, sendube vi jam vidis la artikolon en Heroldo pri nia kolektado de mono por helpi al la familio. Ĝis nun ni ricevis pli ol L 60 kaj ni esperas ricevi multon pli. Antaŭ sufiĉe da tempo ni komencis klopodojn por eligi la familion el la lando kaj nun ŝajnas esti espero pri sukceso.

Vi jam informiĝis pri la klopodoj de F. L. E. en Nederlando starigi help-komitaton por la familio Zamenhof. Supozeble vi, same kiel ni, indikis vian pretecon partopreni tiun Komitaton, kiu funkcios nur kiam la familio aŭ iuj el ĝiaj membroj estos en neŭtrala lando. Post tiu tempo ni volonte donos ĉiun eblan helpon al tiu Komitato. Intertempe ni klopodas eligi ilin kaj se ni sukcesus ni bezonus la monon. Aliflanke se vi sukcesus ni volonte helpus pagi la elspezojn de la familio ĝis ilia akcepto flanke de tiu Komitato. Ni do atendas ĝustatempe vian informon kaj se iamaniere ni povus helpi viajn klopodojn, ni estus pretaj fari tion.

Kun samideanaj salutoj, Sinceere via,

## Monsendoj

Alvenis dum pasintaj monatoj ankoraŭ kelkaj monsendoj aŭ avizoj pri tiaj. Pri ili ni raportos en venonta numero, kun se eble fina raporto pri tiu ĉi kolekto.

**Georges Agricola:**

# En Okcidento multe da novo.

Gazetleganto, avida je novaĵoj, grumblanta se „nenio" okazas, estis bone servata dum lastaj monatoj. La okazintaĵoj filmsimile sin sekvis. Apenaŭ preninte pozicion, jam ŝanĝas la aspekto de problemo. La „homo en la strato" tiu ĉi simbolo de la tielnomata opinio libera, timplene serĉas kompreni la okazintaĵojn. Ĉio fluas senhalte.

Sendube la plej grava okazaĵo estas la germana venko super Francujo. Dank'al malrespekto de la neŭtraleco belga kaj nederlanda, la rekta atako de la franca citadelo estis evitita. Denove la germana taktiko sekvis la principon, ataki ĉe malpli forta pozicio. Ĝi sukcesis.

## Belgujo kaj Nederlando.

Post la nordaj ŝtatoj nun falis ankaŭ la okcidentaj. Speciale pezas la sorto super Belgujo, lando koninta invadon kun ĉiuj siaj teruraĵoj materiaj kaj moralaj. Kvazaŭ ne estus pasintaj 25 jarojn oni relegis samajn loknomojn. Aferema propagando prezentas filmojn por prepari publikon en ankoraŭ ne tuŝitaj landoj, je tio, kion ĝi eble atendas. Kaj jam disflugas ĉien bonege aranĝitaj pruvoj, ke ne la murdinto kulpas, sed la murdito. Lerte ja eĉ tro lerte aranĝitaj dokumentoj pruvas al la mirigita mondo, ke Belgujo kaj Nederlando ne aplikis la neŭtralecon tiel kiel ili estus devintaj. Same kiel en jaro 1914, la posedpreno de apudaj landoj estas ago antaŭgarda profilaktika, por eviti pli grandan malbonon!

Subite sen averto la du landoj estis atakitaj Denove la akuzanto iĝis juĝisto. Ke la du armeoj, belgaj kaj nederlandaj estis venkitaj tiom frakase, estas ŝuldata al la subiteco de l'atako, al la enmeto de ĉiuj rimedoj kaj al diversaj kondiĉoj internaj de la du landoj. Nek la ordinaraj militiloj, nek la falŝirmtrupoj povis tiom influi la rezistopovon, ol la internaj kondiĉoj kaj la agoj de la kvina kolono. La totaleca milito, kiu ne ekskludas civilan loĝantaron, sin servas senskrupule de ĉiuj rimedoj.

Neniam oni atentis pri fenomeno, tamen klare videbla al multaj. Tio estas la interligo de senlaboreco al landdefendo kaj movadoj renversemaj. Kiu sekvis la evoluon de tiaj movadoj dum la pasintaj dek jaroj, povis konstati kiom facile senlaborulo vegetanta, malesperis je ĉio kaj aliĝis al tia movado, promesanta ŝanĝon de stato netolerebla. Alia konstato estas, ke registaroj, precipe en demokrataj landoj ne kapablis radike ŝanĝi tiun ĉi staton.
Tiu ĉi fakto, ke landoj riĉaj je rimedoj ne povis seniĝi je armeo de malkontentuloj, malsatuloj kaj malesperuloj, faciligis la kreon de renversemaj movadoj, kies amikoj eĉ troviĝis en plej altaj rondoj. Sen tiu ĉi submina agado, la posedpreno de Belgujo kaj Nederlando ne estus efektiviĝinta tiom rapide.

Ironio de l'historio estas, ke Nederlandon estras hodiaŭ gubernatoro de aŭstria deveno (D-ro Seyss-Inquart), Kiam Aŭstrio antaŭ dekkvin jaroj estis dotita je prunto eksterlanda ĝi ricevis ankau kontroloron en persono de konata nederlanda financisto.

## Francujo.

Tri kapitulacioj dum unu monato..... estas rekordo. La plej sekvohava estis le belga ĉar gi rekte kondukis al la franca. Estas facile kritiki la sintenon de la reĝo de l'Belgoj, en tiu ĉi situacio. Dense loĝata lando, plenŝtopita je forkurintoj, rapide operacianta armeo malamika, antaŭe malantaŭe, super kaj eĉ sub la tero, tio ĉi estis situacio praviginta rapidan decidon.




**ĜENEVO: PALAIS DU CONSEIL GÉNÉRAL**
**Centra Agentejo por Militkaptitoj (Ruĝa Kruco)**

Sed kiel fulmo dum serena somertago, efikis la franca malvenko. Tiu ĉi malvenko ne estas nur milita, ĝi estas malvenko de tuta sistemo, de politika kredaro apenaŭ plene komprenata nun. Estas multaj faktoroj kiuj kondukis de l'venko 1918 al la malvenko en 1940. Malkono absoluta aŭ nevidvolo de la profunda ŝanĝo en la lando de la malamiko, facilanimeco rilate je avertoj fruaj, peza aparato por efektivigi seriozajn reformojn, tiom sociajn kiom militistajn, fine la fundamenta diverseco en la koncepto strategia. Veriĝis malnova tezo, ke la plej bona defendado estas la atako, la ofensivo. Kaŭzoj duagradaj estis la nesufiĉa nombro de trupoj, parte ne bone ekipita, kaj la subtera agado potence helpita de ekstere.

Tiu ĉi malvenko finigas periodon, kiu daŭris de 1871. Estas la fino de la parlamentarisma regado, tiu ĉi karikaturaĵo de popolregada sistemo. La Franca Respubliko fariĝis nun Franca Stato la estro ne plu estas prezidanto kun tre limita kompetenteco, sed ĉefo kun diktatora povo. La parlamento simple abdikis. Ripetiĝas fenomeno kiun oni vidis ankaŭ alilande, nome la abdiko de l' civilulo antaŭ militisto. Ĉu la nunaj reformoj alportos la resaniĝon, montros la estonto. Tiu ĉi malvenko ne estas nur tia de batalkampo, ĝi estas malvenko ankaŭ de principo kaj pro tio simbola. La Tria Respubliko aliformiĝas sub la okuloj de la Tria Regno.

Sed Francujo ĉiam retrovis sian ekvilibron kaj estas ekster dubo, ke ĝi reprenos tiun lokon inter la nacioj, kiun ĝi rajtas.

## Svislando.

La uragano preterpasis Svislandon. Multaj faktoroj kaŭzis, ke ĝi ne servis kiel trapasejo. Tereno taŭga por defendo, preta armeo bone ekipita, popolo obstina en la sento de libereco, tio estas videblaj faktoj kiujn eĉ koloso devos atenti. Ja ne estas heroeca ago frakasi etulon.

Svislando sciis servi sin de spertoj de aliaj. La stratoj estis severe observataj, kontrolo plej efika en lokoj kun multaj fremduloj. Eĉ en pacema urbo Genevo, kie oni kutimas ne vidi soldatojn, subite svarmis milite ekipitaj ĝendarmoj kaj soldatoj. Publikaj telefoniloj estis ĉesigitaj, danĝeraj punktoj diskrete gardataj. Lokaj gardistaroj formiĝis kaj ĉar en Svislando junuloj kiel maljunuloj scias manipuli pafilon, tia kompletigo de l'armeo ne renkontis komplikaĵojn kiel alilande. Preskaŭ la kvarono de la popolo estis armita aŭ en la milita helpservo. N e c e d i: silenta promeso de ĉiuj.

La katastrofo ĉe la najbaro trovis nature fortan eĥon. Miloj kaj miloj da rifuĝintoj serĉis asilon. Kaj kiel en 1870, tuta armeo franca, kun pola divizio eniris Svislandon kaj demetis la armilojn. Glate kaj senmalhelpe tiuj gastoj estis registritaj, dise lokitaj en diversaj partoj de la lando.

**La Germanoj estas en G e x!** (loko franca, kelkaj kilometroj de Genève). Ondego da scivolemuloj pilgrimis al la landlimo por vidi la germanojn. Generale oni konstatas inter ili feran disciplinon. Kontraŭ la loĝantaro la soldatoj sin montras de ne-atendita korekteco.

Kaj en Genevo mem, la uragano faris viktimon. La Ligo de Nacioj en sia pompa palaco preparis sin por forlasi la urbon. Kelkcentoj da funkciuloj foriris, precipe britoj kaj francoj. Sed se tiu ĉi provo de interŝtata organizo n e sukcesis, tiam alia interhoma organizaĵo plenumas nun servojn plej utilajn. Estas la Ruĝa Kruco, kies internacia komitato starigis la centron de helpagado por la militviktimoj. Subite ŝveliĝis la laboro, alvenis ĉiutage miloj da sakoj kun korespondaĵoj, tiel ke la domo ne plu povas preskaŭ enteni la oficistojn laborantajn. Estas nun 1300 kiuj laboras tie, la plimulto sensalajre, ĉar mankas la rimedoj. Kaj krom ĉi tiu elokventa apliko de la devizo INTER ARMA CARITAS, laboras en Genevo aliaj institucioj sin specialiĝantaj je individua helpo al viktimoj. Genevo reprenas sian plej bonan tradicion.

---

Alphonse Allais — Georges Auriol

# La renkonto

**Franca humoraĵo**

**Alphonse Allais, franca literaturisto, 1854—1905, verkinto de multe ŝatitaj humoraĵoj**

**Georges Auriol, franca literaturisto kaj desegnisto (1863) verkis humoraĵojn kaj distingiĝis en ornama arto.**

---

Antaŭ kelkaj jaroj, mia amiko Georges Auriol kaj mi, troviĝis sur la teraso de la Kafejo d'Harcourt. Ni sidiĝis ĉe tablo najbara de alia, kie iu sinjoro trinkis glason da biero.

Ĉar estis varme, tiu ĉi sinjoro deprenis la ĉapelon kaj metis ĝin sur seĝon. Je la fundo de la ĉapelo, mia amiko Georges Auriol povis ekvidi la nomon kaj adreson de la ĉapelisto: P. Savigny, Rue du Marché, Tréville-sur-Meuse.

Kun seriozeco kiun li rezervas ekskluzive por tiaspecaj entreprenoj, Auriol, fikse rigardis nian najbaron, poste diris tre ĝentile:

„Pardonu, Sinjoro, ĉu vi ne venas el Tréville-sur-Meuse?"

— Certe? respondis la sinjoro, serĉante rememori pri Auriol.

— Ha! diris tiu ĉi, mi estis certa ne erari. Mi iras ofte en Tréville. Mi eĉ havas tie bonan amikon, kiun vi eble konas, iun Savigny, ĉapelisto, en la Rue du Marché.

— Ĉu mi konas Savigny! .... Sed mi bonege konas lin! Vidu, estas li kiu vendis al mi tiun ĉi ĉapelon.

— Ha, vere?

— Ĉu mi konas Savigny! .... Ni konas unu la alian de kiam ni estis knaboj, ni iris en la saman lernejon, Mi vokas lin Paŭlo, li vokas min Ernesto.

Kaj Auriol ekparolis senfine kun la alia pri Tréville-sur-Meuse, loko kies nomon mia amiko Georges Auriol, eĉ ne konis antaŭ kvin minutoj.

Sed mi, iom ĵaluza pri la sukceso de mia kamerado, decidis pligrandigi lian malgrandan ŝercon kaj lin paligi pro envio. Rapida rigardo en la fundon de la fama ĉapelo rivelis al mi la ĉefliterojn de la nomo del' posedinto. Du minutoj pasigitaj apud la Bottin-Adresaro de la kafejo sufiĉis por konigi al mi la kompletan adreson de Sinjoro E. D. H.

**Komercistoj:** Duval-Housset, (Ernest) ..... k. t. p.

Kun kvieta sinteno mi venis residiĝi kaj miavice fikse rigardante la sinjoron el Tréville mi diris:

„Senkulpigu, se mi eraras, Sinjoro, sed ĉu vi ne estas Sinjoro Duval-Housset, komercisto?"

— Tre vere, Sinjoro, mi estas Ernest Duval-Housset, via servanto.

Certe Sinjoro Duval-Housset estis mirigita esti rekonata de du individuoj kiujn li neniam renkontis, sed estis ĉefe la mirego de Auriol kiu estis preskaŭ freneza. Per kiu sorĉo mi do povis diveni la nomon kaj profesion de tiu ĉi komercisto de alkoholaĵoj?

Mi aldonis: „Ĉu estas ankoraŭ la patro Roux, kiu estas urbestro de Tréville?" (Mi rapide estis leginta en la adresaro tiun ĉi nomon: Urbestro: D-ro Roux, patro).

„Ve, oni enterigis la karan homon antaŭ tri monatoj."

— Nu, nu, nu! Estis vere tre bona homo kaj plie, bonega kuracisto. Kiam mi grave malsaniĝis en Tréville, li kuracis min en malpli ol dekkvin tagoj.

.— Oni ne rapide anstataŭas tian viron!

Auriol tamen fine divenis mian ruzaĵon li ankaŭ foriris, baldaŭ revenis kaj nia interparolado daŭrigis pri Tréville kaj ĝiaj loĝantoj.

Duval-Housset ne plu kredis siajn orelojn. „Mil tondroj! li ekkriis. Vi konas la loĝantojn de Tréville pli bone ol mi, kiu tie naskiĝis kaj kiu tie loĝas de 45 jaroj!"

Kaj ni daŭrigis: „Jobert, la tranĉilfaristo kiel li fartas? Kaj Durandeau, ĉu li estas ankoraŭ bestkuracisto? Kaj Vidvino Ledebel? Ĉu estas ankoraŭ ŝi, kiu mastrumas la Hotelon de la Poŝto?

Fine, la du folioj de la adresaro pri Tréville estis uzitaj (Auriol, moderna vandalo estis akirinta ilin per lerta eltranĉo kaj malavare donis unu al mi).

Duval-Housset, feliĉege pagis al ni glasojn da biero —, ho, tre rapide trinkitaj! Ĉar estis varme (ĉu mi diris tion supre?) kaj nenio soifigas pli ol paroli pri urbo kiun oni neniam vidis.

La festeto finiĝis per bonega vespermanĝo kiun Duval-Housset oferis al ni. Oni trinkis je la sano de ĉiuj samurbanoj de nia nova amiko kaj vespere ĉirkaŭ meznokto, se iu estus pretendinta al Auriol kaj mi, ke ni ne estis amikoj kun la tuta loĝantaro de Tréville-sur-Meuse, tiu persono estus havinta tre malbonan akcepton.

Alphonse Allais, trad. R. R.

# BIBLIOGRAFIO

**Jarlibro de la Esperanto-Movado 1939—1940. Universala Esperanto-Asocio Palais Wilson, Genève. 27-a eldono. 16 x 11,5 cm. 204 paĝoj. Eldonis UEA, Genève, presis Privrednik, Beograd.**

„Malfrue ĝi venas, sed ĝi venas" devas konfesi la direktoro de UEA en la enkonduko de tiu jarlibro. La tutmonda gesamideanaro ŝatas ricevi de siaj internaciaj organizaĵoj tiajn verkojn, kiuj okulvidebligas al ni Esperantistoj la disvolviĝon de nia lingvo en la mondo, la pretecon de nia movado tuj utili kaj servi dank' al sia modela organizo. Modela! Ĉu vere? Du internaciaj asocioj penas eldoni multekostajn adresarojn, dum la interesuloj, la Esperantistoj, dankus al siaj gvidantoj, se ili iam bonvolus akordiĝi por aperigi unu solan jarlibron. Efektive diversaj temoj de la UEA-jarlibro jam troviĝas, ĉar ili nepre devas troviĝi, en la jarlibro de IEL: Lingva-Komitatanoj kaj Akademianoj, Universalaj Kongresoj Landaj Asocioj, Esperantaj gazetoj. Oni konstatas, kun miksitaj sentoj, ke en kelkaj urboj deĵoras delegitoj de UEA kaj de IEL. En aliaj lokoj, unu aŭ la alia organizaĵo ne estas reprezentata. Kiel pli efike impresus kaj utilus tia verkaĵo, se ĝi kunigus la delegitojn de ambaŭ asocioj: Pro la ŝanĝoj kaŭzitaj de la lastatempaj militoj la UEA-jarlibro entenas jam multajn nevalidajojn (Ĉekoslovakio, Polujo, Finlando). Eĉ inter la svisaj delegitoj montriĝas kelkaj neĝustaĵoj: Maur, Samaden, .... Ĝeneralmaniere tamen, oni plezuras foliumas tiun ĉi adresaron, la 27-an publikigitan de UEA. Komence oni estas iom ĝenata pro eraro de erpaĝiĝo en la mezo de la libro kaj kiu precipe malsimpligas la esploron de la tabelo de la Esperantaj gazetoj, p. 143/154. Escepte tiun mallertaĵon kaj bedaŭrindajn preserarojn, la presado estas perfekta, la papero bonkvalita. Oni tralegas kun vera intereso la artikolojn pri la Esperantista gazetaro (riĉe dokumentitan, realiste pensitan), pri la S. A. T. (traktatan per malofta senpartieco) kaj pri la transskribo de la personaj nomoj en Esperanto. (science precizan kaj funde dokumentitan artikolon de lingva erudiciulo). (El „Svisa Espero")

•••••••

**Jarlibro 1940 de la Internacia Esperanto-Ligo. Unua parto 15 x 11,5 176 paĝoj. - Eldonis IEL, Heronsgate, Rickmansworth, (Herts), Britujo.**

Estas la kvara jarlibro de IEL aranĝita simile al la antaŭaj kaj imitaĵo de la Jarlibro de UEA. El la „Antaŭparolo" de S-ro L. Bastien estas pripensindaj la jenaj frazoj:

„La deficito por la jaro (168 Funtoj Sterl.) spite la neordinarajn malfacilaĵojn estis la plej malgranda en nia vivo. Krom tio, dank' al la donacoj ricevitaj de multaj membroj, kaj al la vendo de la kuponlibretoj, la deficitoj je la unua de Januaro 1940 (post enkalkulo de la deficito 1939) estis L. St. 143 malpli ol antaŭ unu jaro. Tio montras, ke niaj membroj penis „plenigi la truon", kaŭzitan de la perdo de la sube menciitaj landoj.

El ĉi tiuj linioj ni sciiĝas de kompetenta homo, ĉar Sinjoro L. Bastien estas ja la prezidanto de Internacia Esperanto-Ligo, ke ĝi havas deficitojn. Iam oni atakis per plej senfundaj argumentoj la Komitaton de UEA pro sama fakto. Ĉu ni ripetu la samon kaj ataku la estrojn de IEL, ke ili malŝparas la monon de la Esperantistoj, ne serĉante rebonigi faritan eraron en 1936? Ni ĉiam atentigis de 1920 ĝis 1934, ke la internacia organizaĵo esperantista n e povas vivi el la kotizoj, ke necesas flankaj enspezoj (librovendo kun rabato, kongresa servo, perado k. t. p.)

En 1937 dum la diskutoj en Varsovio, Sinjoro Goldsmith emfaze deklaris, ke en jaro 1938. „IEL n e havos deficiton sed grandan gajnon." La realaĵo estas, ke spite la apogo de ĉiuj konsiderindaj Naciaj Asocioj, ke spite la pretendita malplikosto en Britujo, ke spite donacoj belegaj IEL estas b a n k r o t a. Dank'al la bonvolaj kreditoroj dank'al personoj pruntantaj monon, dank'al mono forprenita al UEA, (per kiu oni instalis la Oficejon) oni povis funkciadi dum kvar jaroj.

Utilas koni la ciferojn, kiujn ni okaze reproduktas laŭ la Jarlibro de IEL. Ni ne riproĉas al la estroj de IEL tiun ĉi rezulton de kvarjara agado. UEA mem spertis la malcertecon de la financa bazo en Esperantujo.

Kaj nun? Ĉu fine oni konsciiĝas, ke la skismo kreita de la nunaj estroj de IEL en 1936, estis mispaŝo? La vero venkos, sed ĝi bezonas tempon.

•••••••

**Albumo de Bulgaraj Esperantistoj 1939. Aranĝis Belĉo Tod. Oktomvrijski. Eldonis „Spiktur", Internacia Instituto, 50 Str. Alabin. Sofia. Albumformato, 15 cm alta, 23 cm larĝa, 146 paĝ. Prezo 50 bulgaraj levoj (sep respondkuponoj).**

La ideo eldoni de tempo al tempo tian albumon pri landa aŭ nacia movado de Esperanto estas bonega, precipe se oni sekvas la metodon sekvitan de niaj bulgaraj samideanoj. Tiu ĉi albumo lerte redaktita, bele presita donas priskribon de la bulgara lando, nek banalan nek science enuigan kaj sufiĉan por konatiĝi kun tiu ĉi popolo de terkulturistoj, kiu kun sama ardeco flegas teron kaj spiriton. Rilate je popolinstruado, Bulgario okupas ĉefan lokon sur Balkana duoninsulo, de kio nete profitas ĉiuj movadoj ideaj. Oni povas pruvi, ke la popularigo de nia ideo dependas esence de la grado de l'elementa instruado. Sekve bulgaroj ludas distingan rolon en nia klopodado.

Tiu ĉi albumo informas elokvente pri nia movado inter bulgaroj. La unua lernolibro en bulgara lingvo aperis en 1889 verkita de Miloslav Bogdanov. De tiu ĉi unua lernolibro ĝis la nuna stato de la movado estas ja longa vojo. Sed kion signifas kvindek jaroj por kultura celado, dependa de idealismo kaj sinofero?

Preterpasas antaŭ niaj okuloj la vizaĝoj de l'aktivuloj bulgaraj per bonaj bildoj kaj koncizaj biografiaj informoj. Klariga teksto pri lokoj pli gravaj kaj fine geografia karto kompletigas la tuton. Tre utilas la bibliografia parto, informanta pri bulgaraj eldonaĵoj en Esperanto.

Resume: Valora pliriĉiĝo de nia literaturo pri la movado en difinita lando, utila por ĉiu kiu deziras kontaktiĝi kun samideanoj en Bulgara lando.

•••••••

**Literatura Observo: Estonio, Latvio, Litovio 1939. Eldonis Esperanto sekcio de la Balta Kongreso, Tallinn 1940. 22,5 x 15 cm, 48 paĝoj.**

Ĝuste nun, kiam la Baltaj ŝtatoj estis en la vidkampo de l'mondo aperis tiu ĉi broŝuro, kiu kiel indikas la titolo, o b s e r v i s la literaturon en la tri landoj dum la pasinta jaro. Kompilis la verketon J. Andrups (latva), P. Lapiène (Litova), F-inoj Helmi kaj Hilda Dresen (estona) kaj N. Kurzens.

Ni revenos pri tiu ĉi ĝeneralvalora libreto en venonta numero. Oni ne sufiĉe atentigas pri la utilo de Esperanto por tielnomataj „malgrandaj" popoloj, egale sub kia reĝimo ili vivas. Tiu ĉi broŝuro koncize kaj klare informas pri la literatura vivo en la tri landoj. Se multaj eksterlandanoj akiras kaj legas ĝin, la celo de l'eldono estas atingita.

•••••••

**L u S i n: Elektitaj Noveloj. Eldonis Orienta Kuriero kaj Voĉoj el Oriento, Hong Kong. (Unua volumo de la ĉina Antologio) Presis The Newspaper Enterprise Ltd. Hong Kong. 19,5 x 13 cm, 140 paĝoj. Prezo: 0,40 USA dolaro.**

Kvankam tiu ĉi libro aperis je la jarfino 1939, ĝi atingis nin nur je meze de Junio 1940. Ni ĝin recenzos en sekvonta numero de nia gazeto.

# Niaj Mortintoj

**Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.**

Pro la eksterordinaraj cirkonstancoj en la pasintaj du monatoj, Majo kaj Junio, aro da komunikoj atingis nin malfrue.

**Sinjoro Prof. D-ro Hübner** en Schweidnitz, Silezio, malnova ano de UEA no. 28325, iama Delegito en sama loko, preskaŭ 90 jara, 10 Marto 1940.

**Sinjoro R. Lathus,** prezidanto de la loka grupo en Saint-Benoit, Francujo, Dep. Haute-Vienne, Januaro 1940.

**Sinjoro Kunitaro Fukuta,** Osaka, Japan., 3 Marto 1940. Per li malaperis Esperantisto el la unua epoko de nia movado en Japanujo, ĉar li fariĝis esperantisto en 1906. Redaktis kaj eldonis la gazeton „Verda Utopio", kiu regule informis pri japana vivo kaj arto. En la movado li okupis rolon de komitatano de S A T.

**Sinjoro Paul Gottgetreu,** Hannover. Patro Difidela ne plu estas. Atinginte la belan aĝon de 85 jaroj li forpasis 7an de Februaro 1940. Pasintjare li ankoraŭ skribis al ni, dankante por la regula ricevo de ESPERANTO kaj espriminte sian fidon al la boneco de nia afero spite ĉio, kio pasis. Ano de UEA de ĝia fondo (no. 14155) la Komitato de UEA nomis lin Honora Membro, en jaro 1933.

**Grafo Gustavo Karlo Majlâth de Szekhély,** episkopo katolika de Transsilvanio, dum Marto 1940 en Budapest. La mortinto estis sincera amiko de nia movado, kion li montris per efika subteno de la agado de Andreo Cseh, en la lando mem kaj en eksterlando. Grafo Majlâth ano de fama hungara familio, komprenis la altan valoron de internacia lingvo, el propra sperto kaj mem lernis nian lingvon. Li malavare subtenis E organizaĵojn kaj estis ano de UEA 32172 dum multaj jaroj.

**Fraŭlino Emilia Scharf,** Lwôw, nuna U. S. S. R. (Ukraino) dum aviad-atako 18 Septembro 1939, 33 jaraĝa. Splito de bombo trafis ŝin kaj la morto estis subita. Adiaŭan vorton ĉe entombigo diris samideanino Minuŝka Mantel.

**Sinjoro D-ro advokato Salomon Bund,** en Lwôw, Ukraino, dum aviadatako, 84 jaraĝa, 9 Sept. 1939.

**Sinjoro Emil Janisch,** en Praha, Ĉeĥio, 22 Februaro 1940. Estinta ano kelkjara de UEA no. 26771.

**Sinjoro Ernest Haworth,** ano de la grupo en Burnley, Anglujo, 2 Decembro 1939.

**Sinjoro D-ro Baret,** honora prezidanto de la grupo en Toulon Francujo, Marto 1940.

**Sinjoro Gunĉo St. Gunĉev, 36 jaraĝa,** 2an de Junio 1940 redaktinto kaj eldoninto de Esperanto-Biblioteko „Svetovnik" en Pleven, kunlaborinto de „Bulg. Esperantisto."

**S-ro Hugo Bär,** germana esperantisto vivinta en Bulgario 26 Aprilo 1940, estinta ano de UEA 27436 (ĝis 1931).

**S-ro Prof. Grigore Trancu-Iaŝi,** eksministro de komerco rumana, eks-prezidanto de Rumana E Societo 10 Januaro 1940.

**S-ro Masao Niŝimura,** Osaka, 23 Majo 1940. Estinta ano de UEA 39956. (Laŭ Revuo Orienta)

**Sinjoro Joŝikacu Curuta,** 4 Majo 1940, Seikei, Japan. Fervora ano de la Seikei E Grupo. (Laŭ Revuo Orienta)

**Sinjoro Sven Friberg,** prezidanto de la Verda Rondo en Boras, Svedujo, 31 jara, Majo 1940. Estinta ano de UEA 41356.

**Sinjoro Ivan Radusin,** 26 jaraĝa, ano de la Laborista E-movado, 26 Majo en Zagreb.

**Sinjoro Hindrek Rikand,** eksdirektoro de la estona poŝto, 65 jaraĝa en Tallinn. Malnova simpatianto al Esperanto li eklernis la lingvon en 1928 sub la impreso de la majstra kursgvido de Andreo Cseh. Kunlaboris en la societa agado ĝis laste.



# 27-a Kongreso de Bulgara Esperanto Asocio

La naciaj kaj internaciaj kongresoj ĉi jare ne abundas. Okazis en 1940, tiaj naciaj jarkunvenoj en Svislando, en Japanujo kaj en Hungarlando. En Jugoslavio, okazigo de kongreso ne estas ebla. Jus antaŭ presado nin atingis raporto pri bulgara kongreso, el kiu ni ektrakte komunikas.

La 27a kongreso de la BEA okazis en urbo Loveĉ, 12—14 Julio. Prezidis samideano Petrov, gimnazia profesoro de Varna. Transdonis la salutojn kaj bondezirojn la Urbestro, regionestro kaj reprezentantoj de diversaj societoj. La regionestro esprimis la deziron, ke Esperanto estu d e v i g a fako en la lernejoj.

Kiel apartaĵo estu menciata la aranĝo de Somera Universitato, dum kiu prelegis samideano Cano Todorov pri la historio de la urbo Loveĉ. Samideano Simeon St. Hesapĉiev gimnazia profesoro en Sevlievo prezentis referaton pri la participoj en Esperanto kun plena kaj ĝusta klarigo de la 18 participaj formoj.

Ekskurso al la kaverno de D e v e t a k i la plej granda tiaspeca en la lando, riĉa trovloko de postesignoj de l'prahomo.

Resume: Bone sukcesinta kongreso por kies aranĝo speciale meritas samideano Bliznakov, prezidanto de la Loka Kongresa Komitato. (Laŭ S. St. H.)

# Esperantistaj Rifuĝintoj.

En la fluego de ekzilitaj homoj, vagantaj tra la mondo troviĝas ankaŭ multaj esperantistoj, inter ili iam tre aktivaj kaj konataj. De nun nia gazeto publikigas sinsekve la adresojn de ĉi tiuj viktimoj. Personoj kiuj rilatas kun esperantistaj rifuĝintoj komuniku al ni nomon, devenon kaj nunan adreson, kondiĉe ke tia infórmado estas dezirata de la koncerna samideano.

**Listo 1.**

S-ro Armand Landenne, Honora Membro de UEA kaj Delegito en Huy, Belg., nuna adreso: rue de l'Abîme, 10, Périgueux, Dordogne, Francujo.

S-ro G. Van de Bossche, belga samideano, informas nin, ke je la 9a de Junio li troviĝas en Hôpital Militaire Sanitaire, Vannes Morbihan Francujo.

S-ro Georges Daems, belga samideano: Nuna adreso: 3. Comp. de la reserve de recrutement, Sommières, Gard, Francujo (13 Junio 1940).

S-ro D-ro Emil Pfeffer, advokato el Vieno, verkinto de multe uzitaj lernolibroj kaj tekstlibroj (Tagblatt-Bibliothek), nuna adreso: Misiones 1492, Montevideo, Urugvajo.

S-ro Leo Fischer, aktoro kaj teatro-fakulo, el Vieno; Nuna adreso Casilla 947, La Paz, Bolivio.

Sinjoro Paul Schwerin, de Berlin (iama ano de UEA 38285), nuna adreso Flat 1, Carabella Flats, Mc Dougall Street, Milsons Pt. Sydney, Austral.

Sinjoro D-ro A. Mildwurf, Vieno, nuna adreso: 12 Aldred Road, London N. W. 6.

F-ino Rena Weinsberg, D de UEA en Krakovo, nuna adreso chez M-me Michel Mankowsky, 16-1, Longe Rue d'Herenthals, Antwerpen

Sinjoro Edvard Wiesenfeld, LK, Varsovio, nuna adreso: ĉe F-ino M. Mantel, ul. Janowska 43 m 7, Lwôw, Ukraino (URSS)

## ESPERANTISTOJ RIFUĜINTAJ EN RUMANIO.

| Antaŭnomo kaj nomo | Nuna restadloko | Adreso |
|---|---|---|
| Dro. Adolf Ingster | Baile Govora | Poste restante |
| Lavjo Bilski | Constanta | „ „ |
| Bronislas Pruc | Panciu (Putna) | Str. Ferdinand, No. 13 |
| Wojcicik Batko | Câmpulung-Muscel. | Tabara de Poloni 30 Reg. Dorobanti |
| Ignac Bilski | Bucuresti | Casa Polona, Str. Gr. Tell |
| Jan Datko | Brezoi | Str. Predescu |
| Franko Kiika | Constanta | Str. Preda Buzescu, No. 9 |
| Wilhelm Haltof | Tg. Jiu (Jud. Gorj) | I. M. C. A., Unireii, 138 |
| Myko Seweryn (ido) | Craiova | Crucea Rosie a României |
| Jan Wainstain | nuna adreso nekonata. | |
| Eug. Rytenberg (de Varsovio) | Bucuresti | Str. Cuza Voda 46 |

---

# Esperantista Interhelpo

**BRAZILO.**

En la Februara numero de ESPERANTO ni informis pri la ebleco, ricevi enirpermeson por Brazilo je favoro de ekzilitoj. Ni informas nun, ke pro ŝanĝitaj cirkonstancoj, tiu ĉi ebleco ne plu ekzistas.

**URUGVAJO.**

Sinjoro D-ro Emil Jakob Pfeffer, advokato, konata propagandisto el Vieno, verkinto de multe uzitaj lerniloj kaj tekstlibroj informas, ke li povas klopodi pri enmigro en Urugvajo. Pro la specialeco de la materio, interesuloj rekte sin turnu al sinjoro Pfeffer kies adreso estas: Misiones 1492, Montevideo, Urugvajo. Esperantista Interhelpo estas preta peradi leterojn. Aldonu 4.50 Frk. sv. en respondkuponoj por demando kaj respondo per aerpoŝto.

# Universala Esperanto-Asocio

## Palais Wilson, Genève, Svislando

**1940** **Oficiala Informilo** **N-ro 5**

---

**Komitato de UEA.** Sinjoro K. M. Liniger, prezidanto de UEA, demetis tiun ĉi funkcion kaj eksiĝis el la Komitato de UEA pro familiaj kaŭzoj.

De 1936 Sinjoro Liniger gvidis la aferojn de UEA kaj savis ĝin el minacinta detruo, provita de estinta prezidanto, Sinjoro Bastien kaj bonkredema komitato. Bedaŭrante la decidon demeti ĉiun funkcion, la Asocio esprimas al Sinjoro Liniger sian elkoran dankon.

Konforme al la decido de la Komitato de UEA dum Julio 1939 (antaŭ eksplodo de la milito) transdonante plenpovon al la Estraro de UEA, tiu ĉi elektis

**Sinjoron H. H. Kürsteiner,**

Honora Membro de UEA, ano de UEA de ĝia fondiĝo,

**Prezidanton de UEA.**

Sinjoro Kürsteiner jam de 1936 dediĉis multan tempon al la internaj aferoj de UEA kaj promesis fari sian eblon por konduki UEA tra la malhelaj tagoj nin atendantaj.

**Situacio:** La ne antaŭvidebla ŝanĝo en Okcidenta Eŭropo modifis entute nian agadeblecon. Pluraj landoj tre gravaj por ni, ne estas nun atingeblaj aŭ nur por korespondaĵoj (Danlando, Norvegio, Belgujo, Nederlando, Francujo).

Pro tiu ĉi motivo, ni eldonas la gazeton laŭ la disponeblaj rimedoj kaj la ebleco sendi almenaŭ pli grandan parton de la eldono al la abonantoj.

**Bilanco 1939.**

La estraro de UEA konfidis la kontrolon de la jara bilanco al Sinjoro Stephan Berger en Genève, kiu post detala ekzameno faris jenan konfirmon:

„Mi kontrolis la bilancon de l'jaro 1939 kaj mi konstatas kun kontentiĝo la perfektan ordon de la bilancaj ciferoj, de la libroj kaj de la pruvaĵoj. Mi ricevis ĉiujn klarigojn necesajn kiuj permesis fari al mi ĝustan ideon pri la financa agado de la Asocio. Mi povas rekomendi plenfide la bilancon kaj mi gratulas la organojn de l'Asocio por la bona mastrumado de l'aferoj dum tiu ĉi tempo malfavora por ĉia agado internacia.

Genève, 30 Marto 1940. sign. St. Berger.

**Subtenantoj.** La sekvantaj samideanoj bonvolis aliĝi por 1940 kiel Subtenantoj. Al ili ni sendas nian koran dankon.

**Kvara listo:**

31. F-ino J. v. d. Plas, Rotterdam, Nederlando.
32. S-ro Ger. Rol. ten Burg, Haarlem, Nederlando.
33. S-ro P. M. Seret, 's Gravenhage, Nederlando.
34. F-ino H. Plemper van Balen, Zeist, Nederlando.
35. S-ro J. P. van Dijk, Rotterdam, Nederlando.
36. S-ro Chr. Kromziek, Rotterdam, Nederlando.
37. F-ino Gezina Jongbloed, Velp, Nederlando.
38. S-ro J. M. Duinker, Den Burg, Nederlando.
39. F-ino A. H. E. van Vliet, Alphen, Nederlando.
40. S-ro Radi Petrov Kacarov, Stancov Han, Bulgario.

**Statistiko**

La ŝanĝitaj cirkonstancoj evidentiĝas ankaŭ el la statistiko de la sendaĵoj ĉe la Centra Oficejo de UEA. Se en la unua kvaronjaro la tuta nombro de forsenditaj objektoj atingis 5378 sendaĵojn, la dua kvaronjaro indikas nur 2550.

Genève, 15 Julio 1940. **Centra Oficejo de UEA.**

## Belega okazo por akiri Esperanto-Bibliotekon

Ni vendas Bibliotekon, konsistantan el kvindek libroj, binditaj en verda tolo, bone konservitaj. La libraro povus servi kiel fundo de Grupa Biblioteko. Jen la titoloj:

**Amicis, de E.:** Kverko kaj Floro.

**Lengyel, Paul de:** Libro de l'Humoraĵoj.

**Orzesko E.:** Marta. — La interrompita Kanto.

**Shakespeare:** Makbeto. Hameleto. Kiel plaĉas al vi.

**Turgenjev:** Patroj kaj Filoj.

**Spaak, Paul:** Kaatje.

**Racine:** Athaljo.

**Tristan Bernard:** Angla Lingvo sen Profesoro.

**Mirbeau O.:** Ili estas frenezaj.

**Andrejev L.:** Ruĝa Rido.

**Virgilio:** Eneido.

**Schiller:** Wilhelm Tell.

**Charles Dickens:** Bardell kontraŭ Pickwick.

**B. Prus:** La Faraono (Tri volumoj, la tria nebindita.

**Wiseman, Kardinalo:** Fabiola.

**Gogol:** La Revizoro.

**Goethe:** Ifigenio en Taurido.

**Gual:** Mistero de Doloro. — Esperantaj Prozajoj.

**Swedenborg:** La dogmaro de la vivo.

**Adèle Kamm:** Eĉ en doloro ni estu ĝojaj.

**(Vidu sekvon dekstre.)**

## Korespondado

Sinjoro Ivan M. Pejkov, ĝardenisto, Selo (Vilaĝo) Kilifarevo, okol. Tirnovska, (Bulgar.) dez kor. kun samideanoj ĉiulandaj.

*

# Samideanoj:

En danĝera momento, Universala Esperanto-Asocio sin turnas al vi samideanoj en landoj atingeblaj nun. Ne utilas, ripeti faktojn konatajn al vi ĉiuj. Sed utilas agi. Spite ĉiuj supozoj antaŭdiroj, okazintaĵoj, Svislando restis netuŝite de l'monstro milita. Kaj ĝi plenumas la rolon kiun sorto kvazaŭ destinis al ĝi: esti ligilo inter la malamikaj landoj kaj esti ekzemplo, ke kunvivado de diversaj gentoj, parolantaj diversajn lingvojn kaj apartenantaj al malsamaj kultursferoj, estas ebla. Tiu ĉi spirito, ne regi super aliaj malpli fortaj laŭ nombro, sed labori kun ĉiuj sur piedo egala, iam triumfos en pli vasta amplekso. Fine kaj laste, la homaro estas unu kaj la superregado de gento momente pli forta, cedos fine al kunlaboro de ĉiuj kun samaj rajtoj kaj devoj. Ju pli progresas aliaj ideoj ŝajne, despli proksima estas ilia bankroto, Nur tra sango kaj larmo tra sufero kaj rezigno, la homaro akceptas novan vivpercepton.

Neniel kredu, ke la rolo de internacia lingvo estas finita. Oni povas malpermesi ideojn, oni povas ilin ekstermi perforte sed nur por certa tempo. Ĝi revenos, se ĝi montris kapablon servi kaj utili. Tiun ĉi pruvon, Esperanto alportis. Ĝi servas, ĝi utilas kaj kio estas multe pli grava ankoraŭ, ĝi povis krei amikecon inter homoj, kiuj sen tiu ĉi ilo neniam estus sin trovintaj. Kie estas multe da lumo, estas ankaŭ ombro. Tiu ĉi ombro en nia movado estas la internaj kvereloj, kiuj originas, el malsama kompreno pri detaloj de niaj movado kaj agado. Kiom ajn oni tion bedaŭras, ĝi estas fakto ne-evitebla kaj estas la sola deziro, ke tiaj disputoj konservu bonformon kaj objektivecon. Insultoj kaj kalumnioj ĉiam refalos sur tiu, kiu ilin eldiras.

Hodiaŭ kiam mondo disfalas kaj laŭvide kreiĝos io nova, niaj internaj kvereloj, ne plu havas sencon. Dum pasinta Novembro, UEA proponis al IEL ian aranĝon por kune kontraŭstari komunan kontraŭulon, la inertecon. IEL ne komprenis la momenton kaj denove rifuzis. UEA entreprenis la helpon al la Zamenhofa Familio. IEL intervenis kaj en certa grade eĉ malhelpis, ke la helpo iĝu efika pli rapide. UEA ree proponis interkonsenton almenaŭ sur tiu ĉi kampo (per letero 23an de Aprilo). Nun la tuta situacio tiom profunde ŝanĝis, ke estas nur UEA kiu povas ion entrepreni. Flanke de tio, la „Esperantista Interhelpo" sin okupas pri aliaj samideanoj viktimoj de maltolero.

Samideanoj! Ĉu vi volas, ke UEA daŭrigu tiun ĉi agadon, ĉu vi volas, ke UEA en kadro modesta servu kiel ligilo inter la disaj Esperantistoj ankoraŭ ne malesperintaj, ĉu vi volas ke funkciu unu vera centro, tiam ne hezitukaj subtenu UEA per via aliĝo al ĝi, UEA laboras por konkordo interesperantista sur reala bazo. La faktoj pruvis, ke pravis la homoj kiuj estis kontraŭ la ŝanĝo en jaro 1936. Urĝas rebonigi faritan eraron.

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
Por la Komitato:
H. H. Kürsteiner, — Renaud Richez, — Hans Jakob.

## Belega okazo por akiri Esperanto-Bibliotekon (sekvo)

**Verax:** Enciklopedia Vortareto Esperanta.

**Kabe:** Vortaro de Esperanto.

**Jarkolektoj de Esperantistaj gazetoj**

**Espero Pacifista:** Kvar jaroj en du volumoj.

**Svisa Espero:** Kvar jarkolektoj, 1904, 1906, 1907, 1908.

**Lingvo Internacia:** Literatura Aldono, 1905.

**Universo:** Internacia Revuo por la Belo, 1909—1910.

**Oficiala Gazeto Esperantista:** 1908 gis 1913. Kvin volumoj.

**Internacia Scienca Revuo:** 1904, 1905, 1907, 1908.

**L'Espérantiste:** Jaro 1905 kaj 1906.

**TRA LA MONDO:** Jaroj 1905 kaj 1906.

Plie 80 verkoj nebinditaj variaj, Literaturajoj, lingvajoj, sciencajoj

Tiu ĉi kolekto de 130 libroj estas ricevebla kontraŭ 150 Fr. sv. pagebla ankaŭ poparte. Pezo pli ol tridek kilogramoj. Sendkosto je la ŝarĝo de UEA.

**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**
**Bibliografia Servo**
**Palais Wilson, Genève.**

## Korespondado

Sinjoro Jozef B. Jakov, komercisto, ul. Rodopi 10, Pleven (Bulgar.) nova esperantisto, dez. kor. kun seriozaj gesamideanoj ĉiulandaj.

*

INTERŜANĜO.
S-ro P. Thomas, 556 West, 126 Street, New York-City dez. korespondi k. ĉ. l. per L., PK., interŝanĝas PM, fotajojn kaj revuojn.

NENION SENDU NUN
al esp. kolektanto, sinjoro Dipl. Inĝ. Paul Tarnow en Düsseldorf. Redakcioj kaj personoj kiuj regule sendis esp-aĵojn al dirita samideano, konservu de nun por sendi al li la objektojn, post la milito.